2.ª JARO N.º 13 DUONMONATA ESPERANTO - GAZETO 1 MAJO 1937

# PoPola Fronto

INFORMA BULTENO INTERNACIA PRI HISPANA LUKTO KONTRAŬ LA FAŜISMO

ELDONO DE GRUPO LABORISTA ESPERANTISTA
REDAKCIO K ADMINISTRACIO: STRATO MAR, NUM. 25 VALENCIA (Hispanio)

# BILBAO!

Nur la nomo de kelkaj urboj el Hispanio estas jam sufiĉa temo por verko grandioza. Hodiaŭ, kiel ornamo de nia frunta paĝo, svarmas la nomo de la bela k sobra ĉefurbo de Baskio.

Bilbao, industria centro plej grava de Hispanio, estas, en la kruelaj fluoj de nia milito, spegulo k ekzemplo de kolektiva popola unueco, sub bazo de reciproka respekto k forta memvola disciplino. Jam de multaj jaroj, ĝi montris helan vojon por homa socia kunvivado. La politika influo de la proletaro estis grandega; marksistaj teorioj estis popularaj; ili havis solidan formon dum ĉiu balotado; tamen, malgraŭ tio, la preĝejoj estis tie veraj temploj kien eniris nur la pia publiko por preĝi k mediti. En tiu urbo, vere religiema, okazis paradokse, laŭ plej granda kvanto, geedziĝoj k baptoj sen eklezia ceremonio. La preĝejoj neniel estis rutine vizitataj: kiuj ne kredis, tiuj neniam paŝis en temploj, kiujn la kredantoj vizitis ofte k fervore. Tie regas respekto, kiel komuna banto por sama deziro de firma obstino por libero k laboro. La dekstra opinio, ĝenerale, nur estis tia pro la katolika marko; ĝi ne estas reakcia; ĝi tute malkonsentas kun taktikoj k blufoj de la faŝismo, kaŝinta sub vualo el religio la kontrabandon de siaj malnoblaj celoj.



Blum kaj Eden
Du filozofoj pri unu funelo

Kiam eksplodis la ribelego de perfidaj generaloj, la baska amaso instinkte grupiĝis por konservi la tradician liberon de siaj valoj k montoj. Geografiaj cirkonstancoj de la milito kondamnis bedaŭre la nordan parton resti izolita, sen eblo atendi materian helpon de la cetera lojala zono. En la komenco, preskaŭ sen armiloj, Irun rezistis premegon dum unu monato, apud la franca limo kie kuŝis vagonoj, kun jam pagita materialo, kiun la francaj aŭtoritaluloj ne permesis transdoni; poste falis San-Sebastian; nur tiam la kuraĝa disciplino de la baskoj sukcesis haltigi la marŝon de la drako, per malŝparo de laboro en iliaj fabrikoj k per silenta heroeco en iliaj frontoj, eĉ kun ĝentila veturo de miloj da viroj por helpi frate la ministojn de Asturio.

Tamen, la plej karakteriza trajto de Bilbao estas la entuziasma k honesta partopreno de ĉiuj katolikoj, pastroj k laikoj, en la aktiva lukto kontraŭ la faŝismo; detruante per tio eksterlande la ĉefan kernon de bone financita mensogado pri defendo de la kruco k altaro. Urĝas do al perfiduloj sufoki la voĉon de tiu sincera katolikismo k rabi samtempe riĉan industrian regionon. Sub komando de la funebra generalo Mola, akumuliĝis kontraŭ Bilbao plej potenca faŝista armeo; italaj soldatoj, en dekoj da miloj, kun freŝa germana materialo, komencis fortegan puŝon, kiun denove la baska popolo devas elteni per malavara oferemo. Post ruinigaj bombardadoj al ĉiuj gravaj vilaĝoj, la faŝismo kombinis kontraŭ Bilbao atakon tra maro k aero. Fanfarone oni anoncis blokadon por kondamni la urbon al malsato.

La angla konservativa registaro tro facile—tro suspektinde—preskaŭ obeis la faŝistan ordonon. Sen la fervoro de la angla popolo, kiu sendis ŝarĝitajn ŝipojn, la grimaco de malsato estus tre favora ŝanco por la invadintaj trupoj. Nigraj aeroplanoj celas krome esti trafaj argumentoj kontraŭ la lojaleco de Baskio; la morto falas de la supro senkompate! La faŝismo internacia, kun rafinita ĝuo, detruas k rompas frakase la urbon; la stabo de la tiranio scias, ke en Bilbao ĉio estas malamika. Bilbao estas absoluta celo antifaŝista; ĉio! de la proleta strato ĝis la eleganta avenuo, de la Popoldomo ĝis la Katedralo, flugas vibre la sama sento de abomeno k malamo kontraŭ la moderna hidro de freneza despotismo. Bilbao venkos se la ceteraj popoloj volas...

Zorgu akurate ĉar certe la herooj por venki ankaŭ iome devas manĝi!

# Unua de Majo

La epilogo de historia striko en Ĉikago naskis la ideon pri elekto de unu tago en la jaro, por montri publike la forton de Laboro.

Jen do la signo de la 1ª de Majo! skizo nur, pro volonta haltigo de kreantaj energioj, pri pala panoramo de mondo sen laboro. Silentas ripoze la maŝinaro dum bruas stratoj k placoj. Parado de laboruloj, en sama tempero, tra lokoj plej disaj de l' mondo, estas per si mem unika faktoro pri kies potenco, eble la portoprenintoj ankoraŭ ne plene konscias ĉar oni montras instrumenton, kiun oni hezitas eluzi en la solena horo de kruda realo.

Romantikaj aspiroj doni titolon de kamarado al iu ministro aŭ regnestro jam efektiviĝis en kelkaj nacioj. Tamen modesta gajno de rajto en la leĝo riskas nun pereon pro abrupta faŝista ofensivo, kiu, laŭ ruza plano, rabas poziciojn, unu post alia, kalkulante eĉ kun la stulta—aŭ plaĉa!—konsento de tiuj oficialaj gvidantoj, de demokrataj landoj, kiuj, kun moŝta kamaradeco, dormigas la amasojn per vantaj frazoj aŭ lerte timigas ilin per la fantomo de ebla milito, kiun fatale ĉiu popolo suferos laŭ koncerna vico, en tute malfavoraj cirkonstancoj, se oni atendas baton anstataŭ doni frapon.

Unua de Majo! Festo sen amuzo, tago sen laboro, proleta specimeno de bravaj postuloj k ardaj sopiroj en tutmonda amplekso. Ĉi tiun jaron, la dato plej universala prezentas urĝajn demandojn por rapidaj studo k apliko en la popoloj, kiuj, vizaĝe al estonto, devas aroge transformi ĉi tiun tagon en tagon de efika, konkreta, palpebla solidareco kun la hispana popolo. Estu la 1ª de Majo komenco de alarmo por mobilizi fortojn, post parado en densaj manifestacioj. Hispanio scias plenumi la pezan sorton ricevi vundegojn k haltigi paŝojn de la ĉiulanda monstro. Sciu ĉiuj aliaj efektivigi la sencon de kantoj k himnoj en la sanganta areno de la iberia lando...

Nunjare la 1ª de Majo havas taktojn de tragedio; de via sinteno dependas, ke en la maja monato de venonta jaro, ĝia unua tago estu festo kun amuzo! Volo estas povo diras hispana proverbo...

Por via propra feliĉo, por via rajto al vivo sen angoro, nur volu, nur volu vi mem, k ni venkos, karegaj amikoj de la tuta vasta suferanta mondo!

Vivu la aŭtenta simbolo de la 1ª de Majo!

## AD MAJOREM DEI GLORIAM

# CELO PRAVIGAS LA RIMEDON

Sendube ili tranoktis antaŭ la mapo, signante la celitajn lokojn de la vilaĝo, konatigotaj poste al la aviadistoj. La konstruaĵoj speciale krajonumitaj en la urbokarto, kun ravo de la ordonantoj de masakro, estis tri preĝejoj: Sankta Maria, la monaĥejo de Sankta Susana k tiu de la Jezuitoj. Fine, oni antaŭfiksis la horon, la 6-a. matene.

Ĝuste je la 6-a matene, la virinoj de Durango kutime vizitas la preĝejojn. Ne gravas, se ne estas festotago. Eĉ en mezo de la milita tempo, katolikaj moroj de la regiono daŭras k la virinoj, kun geinfanoj, iras en preĝejojn ĉiutage frumatene. La faŝistaro bone scias tion k ĝi ne povaŝ pardoni la baskojn, kiuj dementas, per sia lojaleco al respublika reĝimo, la mensogon laŭ kiu, la ribeluloj monopoligas la katolikismon. Ne! bonaj kristanoj, la plimulto el la baskoj fidele kunbatalas apud la cetera hispana popolo kontraŭ la perfiduloj k la invadintaj trupoj.

Je la 6-a horo matene, la virinoj do, k la infanoj de Durango, troviĝas en preĝejoj. Tial oni rekomendis al aviadistoj esti akurataj. Ektagiĝis, kiam ili alvenis super la vilaĝo. Krome, estis merkata tago k tiu cirkonstanco, intence serĉita, sekurigis al la murdistoj bonan masakron; bonan rikolton!

Bomboj falis sur la templojn. La muroj k tegmentoj de la preĝejo Sankta Maria krevis brue; la pastro diservanta ĉe altaro, mortis dispecigite. En la preĝejo de la Jezuitoj, gaja knabeto, helpanto de meso, apud monaĥo, mortfalis sur la altaro, kie la diservanto mem ankaŭ mortis. Abrupte ĉesis en lipoj la preĝoj...

Multaj infanoj pereadis pro la barbara bombardado. Ankaŭ multenombraj virinoj, kiuj tiam vizitis la preĝejojn. La monaĥinejo de Sankta Klara, estis alia celo de la faŝistaj aviadiloj. Tie mortis dekdu monaĥinoj, ĉiuj, kiuj loĝis en la domo!

Ekstere, en la placo, kie la merkato okazis samhore, oni prezentis allogan amason por la krimuloj. Ili ne preterlasis la bonan ŝancon! Post la kruela flugado de la nigraj birdaĉoj, grupoj da kadavroj atestis la postsignojn de la faŝisma bestego.

Tiel Durango, la tradicie katolika vilaĝo, estis punata de la defendantoj de Dio. Ankoraŭfoje, vespere en la sama tago, la faŝistaj aviadiloj revenis, daŭrigante sian semadon de bomboj. Nova murdado de la sangosoifaj «naciistoj»! Sed ne sufiĉis lauŝajne, ĉar du tagojn poste, ili refoje ripetis la viziton k ree bombardis la trankvilan urbon, okazigante novajn viktimojn ĉe la senkulpa k sendefenda loĝantaro.

En la suda parto de la lando, en la samaj tagoj, aeroplanoj bombardis malhumane la urbon Jaen. La nombro da viktimoj inter la civila loĝantaro estas eksterordinara. En ambaŭ urboj ekzistis nenia milita celo, povanta iel pravigi la atakon de la faŝistaj aeroplanoj. Jen du nomoj por esti aldonataj en la serio da urboj k vilaĝoj jam spertintaj en sia karno la doloron de kruela bombardado sen motivo. Antaŭ la ofteco de tiaj atakoj, al kiuj prefere sin dediĉas la faŝista aviadistaro—dum ĝi sisteme rifuzas renkontiĝi kun niaj flugantaj maŝinoj —oni serioze devas konsideri, ĉu ni finfine devos imiti niajn malamikojn.

Noblaj idealoj malhelpas tro ofte sekvi la militprocedojn de fiuloj, kiuj tamen ne hezitas uzi la plej abomenajn metodojn por sukcesigi siajn planojn «je la pleja gloro de Dio», por ŝveligi triviale la poŝojn.

# NIA DIGNA REGISTARO

La splenaj sinjoroj de la komitato pri Ne-Interveno decidis, finfine, apliki la kontrolon al nia lando. Ni plene rajtas dubi je la deca intenco de tiu decido ĉar, post publika cinika partopreno k interveno de Germanio k Italio, en la ribelo kontraŭ la hispana popolo; tiuj ĉi nacioj oficiale gardas la zonon, kiun ili mem atakas.

Eble ja, por eviti la venkon de popolaj liberoj, ĉiuj monstraĵoj—ŝmiritaj per jura butero—estas normalaj. Hispanio, tamen, estas jam plenkreska lando; ĝi scias pri la negativa valoro de plendoj, pri la mizera utilo de pravo sen forto k pri la konkreta efiko de digna apliko de oportuna frapo k justa ofero por defendi ĉiel ajn rajtojn k normojn sub perfida atako. La legitima registaro de Hispanio, preta por fidele plenumi siajn internaciajn kompromisojn, akceptas neniel la formon k la manieron de tiu absurda kontrolo. La ministro de maro k aero, en oficiala deklaro, laŭtigas koncize ordonojn, al la militŝipoj de la respublika eskadro, protekti ĉiurimede la komercajn ŝipojn venantajn, kun ĉia ajna ŝarĝo, al lojalaj havenoj. La koncernaj ŝipoj—respondante adekvate—tute ne devas atenti ordonojn nek postulojn de tiuj kontrolintoj, kiuj samtempe estas pirataj atakintoj.

La hispana popolo, preta por ĉio, grupiĝas aplaŭde k dense apud sia digna registaro, kiu ĵus aroge forŝiris la hipokritan ŝtofon de la farso plej kruela. Hispanio ne estas Abisenio...

# KOMENCO DE FINO

Itala faŝista gravulo deklaris dum konversacio, en Niza, jenon:

«Nuntempa situacio en Italio estas grava ĉar alarme malkreskas la tiea malnova fido al Musolinia «genio». Nun la italoj kaŝe flustras k murmuras pri li: *Invecchio* (Li maljuniĝas!).

Alia grava fakto estas, ke italaj armeanoj koleris kontraŭ faŝistaj milicoj. Laŭ militistoj, la malvenko de Guadalajara estas nova pruvo pri absoluta manko da disciplina spirito. La supozo ke en fremdlando oni kredas ke la forkurintoj de Guadalajara estas soldatoj, furiozigas ilin ĝis tia grado ke en milita klubo de Romo, generalo R... diris: «—Ili estas faŝistoj, do tio pruvas ke ili ne estas soldatoj.»

Laŭ tiu gravulo, estas ankoraŭ alia grava fakto. Mussolini deziras sendi novan helpon al Franko, sed li dubas. Ne pro la decidoj de Londona komitato, sed pro nova, supermezura, kruelega dubo: Ĉu la novaj faŝistoj, post alveno en Hispanio, dizertos el niaj vicoj por kanti, kun la respublikanoj, la himnon «Bandiera rossa» (Ruĝa flago) kiel faris tiom da kaptitoj en Guadalajara?

**La nobla pugno de Hispanio estos pli forta ol la diplomata ganto!**

# KIRASO EL INFANOJ

Jen abomena epizodo, vera kiel la morto, en la fronto de Asturio:

En sektoro apud Oviedo, ribela garnizono estis preme atakata de la ministoj. La faŝistoj intencis eliri sensukcese. Neniu povis helpi ilin ĉar la proletaj sieĝantoj tion malebligis.

Finfine, estis jam oportuna la momento por definitiva alsalto. Sed tiam, kiam almarŝis avangardo kun bruego de bomboj, la ĉefo ordonis trumpete la ĉeson de l' fajro. Ĉe la forblovo de la fumo el pafoj k eksplodoj, la popolaj soldatoj haltis subite kun miro. Sur la parapetoj konkerendaj, ne aperis la figuroj malŝatindaj de faŝistaj legianoj, sed nur dramecaj infanaj vizaĝetoj!

Pli ol kvindek infanoj, je aĝo de kvar ĝis dek jaroj, estis tie tre palaj, mutaj pro teruro aŭ spasme plorantaj, kun elkaviĝintaj okuloj. Post la infanoj, ŝirmante sin per iliaj korpoj, la faŝistoj pafis k pafadis freneze. Kiel ataki tiamaniere? Kiel ĵeti bombojn kontraŭ la tranĉeojn? Certe la unuaj falintoj estus la malfeliĉaj infanoj... La ministoj iris malantaŭen rezignante pri ofensivo. La voĉo anstataŭis per insultoj la efikon de la kugloj.

Venis la nokto, estis ebla nova atako. Tre silente, grupoj da ministoj marŝis aŭdace tra la ombroj; ili saltis kuraĝe en la parapetojn k iniciatis furiozan lukton, kiu rapide finiĝis per la venko. Mortintaj aŭ kaptitaj restis la malamikoj. La popolaj soldatoj emocie k avide serĉis la infanetojn. Oni trovis ilin apud flanko de la tranĉeo, noditaj per ŝnuro, kaŭrintaj sur tero, tremante pro timo, pro soifo k frosto.

Honesta opinio de la mondo! En Asturio, ĉe la sektoro de Nova Pordo, en Oviedo, la faŝistaj trupoj ne fortikigis ŝirmejon, per cemento aŭ per ŝtono sed per malgrandaj buboj, kun dikaj ŝnuroj por eviti movon. Ja la malfortaj korpoj ne estis materie sufiĉa protekto, tamen la faŝistoj kalkulis trafe k perverse je la humaneco de siaj atakantoj. Ĉu tiuj ĉi povus direkti normale eksplodojn kontraŭ pozicion kun kvindek infanoj timigitaj k ploremaj?

Ĉiu milito estas abomena; ni dubas tamen ĉu iam okazis simila epizodo kiel tiu, kiun plenumis, por publika honto, la faŝistaj malamikoj en la jam fama sektoro de la Nova Pordo, apud la urbo Oviedo...

SVEDA KUNLABORO

# IO PLI SANKTA NE EKZISTAS...

**La sveda gazetaro preskaŭ unuanime sentas abomenon kontraŭ la senhonta agado de la faŝistaj generaloj. Inter la gazetoj nelaboristaj, kiuj plej fidinde raportis pri la okazintaĵoj k aliuĝis al la hispana legitima registaro klaran rajton gvidi la sorton de la lando sen ia interveno de uzurpuloj, estas la potenca gazeto «Göteborgs Handelsoch Sjöfartstidning» aperanta en tiu bela sveda urbo. Okaze de forsendo al Hispanio de ambulanco ĝia ĉefredaktoro, profesoro Segerstedt skribis en ĉefartikolo sub la konstanta rubriko «Hodiaŭ» jenajn pensigajn liniojn, kiujn bele tradukis k ĝentile sendis al nia redakcio la k-do. E. Ekström.**

Areto da homoj venis al Göteborg por daŭrigi perŝipe la veturon al Hispanio.

Ili direktas sin al nekonata sorto. Kion oni, kun certeco, povas antaŭdiri estas ke ili havos penigan k danĝeran okupon. Ili estas survoje al la regionoj de la Morto.

Ili ne startis en veturo por partopreni batalojn. Centoj da svedoj forveturis jam kun tiu celo. Multaj el ili lasis sian vivon tie. Estas sovaĝa, terura batalo, kiu furiozas en la solecaj montaj regionoj ĉirkaŭ la hispana ĉefurbo k en la ruinoj de ĝiaj antaŭurboj. Ne pro ia deviga ordono la svedoj anoncis sin. Ili ekiris, pelitaj de sia sento pri justo k homeco. Ilia garantio estas ilia vivo. Antaŭ tiu sveda junulo kiu, mortante sur la batalkampo, vokis al siaj kamaradoj antaŭeniri k ne cedi, oni devas malkovri sian kapon! Li oferis vivon por tio, kion li rigardis sankta. Se ekzistas io granda en la homa vivo, estas ĝuste tiu simpla klara sinofero.

Tiuj el niaj fakaj samlandanoj, kiuj hodiaŭ ekveturos, iras por renkonti same oferprenan, eble eĉ pli postuleman, okupon. Ili eliras por konsoli k flegi sur la batalkampoj. Tiu laboro elpremos ĉiun forton, kiun ili disponas. Ili mildigos la suferojn de la disŝiritoj k kripligitoj, ili kun ili batalos kontraŭ la morto, k ili donos al tiuj, kiuj transpasos la agonian limon, inter vivo k morto, ĉian konsolon, kian povas doni homa povo. Ili akceptos la adiaŭajn vortojn k la lastajn palpebrumojn de la ŝiriĝintaj okuloj.

Kial ili ekiras renkonte al tiuj penegoj? Ne nur superhomaj klopodoj atendas ilin, sed ankaŭ danĝeroj. Kial ili ne restas hejme en trankvilo? Estas malsaĝe ĵeti sin en tiajn aventurojn. Jes, nature! Estas tiu malsaĝeco, tamen, kiu ŝirmas la kreantajn faktorojn de la homa mondo. Ni vidas kiel malamo detruas la vivon de popoloj k individuoj, kiel ĝi dezertigas ĉion, kion nekalkuleblaj generacioj kontruis. Ĝi ne produktas. Ĝi detruas. Sed el la fluantaj vejnoj, neatingeblaj al ĝia potenco k neniam mezuritaj per homa sondilo, ŝprucas eterne homamo, kiu daŭrigas konstrui la regnon de bono. Estas io granda defendi la juston en mondo. Ĝi valoras la investon de la vivo. La sama dia spirito, kiu pelas ilin oferi la vivon por la bono, loĝas en ili, kiuj ekiras por flegi k mildigi dolorojn.

Kiuj spitas la morton por ŝirmi la homecon k justecon en nia mondo; tiu, kiu batalas kontraŭ la morto por la vivo de la falintoj, servas al la sama emocio. Io pli sankta ne ekzistas. Ilia gvidanto estas tiu potenco, kiu levas nian estadon super la sferon de sensenceco.

Areto da homoj perŝipe forveturis por servi ĉe ambulanco...



Dum ripozo post batalo, la sana humoro de la popolaj soldatoj, inter muziko de kantoj aŭ ridoj, pruvas ke defendo de libero per armiloj ankaŭ povas esti eĉ agrabla laboro

# Nia tria venko sur ebena kampo

Sur ebena kampo, ni atingis nian unuan venkon en Arganda; la duan, en Brihuega kaj la trian, en Pozoblanko, en la provinco Kordobo.

La andaluziaj frontoj havis, ekde la komenco de la ribelo, specialan gravecon. Ĉar la ribelo fiaskis en Madrido, Barcelono, Valencio k Bilbao, ĝi estis devigata sin nutri per la soldatoj dungitaj en Afriko. Ili venis el tiu kontinento per aeroplanoj aŭ komercoŝipoj, k tra Andaluzia regiono venis al enlandaj frontoj la maŭroj k legianoj, kiuj devis kompensi la malhavon de soldatoj.

Tiuj ŝturmaj trupoj neebligis al ni konkeri Kordobon k Granadon, urboj nur parte blokitaj de niaj milicanoj, kiuj tiam konsistigis kolonojn de trupoj sen milita instruo, sen sufiĉa armilaro, sen ĉio necesa...

La afrikaj trupoj, la ĝermanaj k italaj trupoj, en Andaluzio mem estis organizataj k sendataj al diversaj frontoj. El tie eliris la faŝista korpuso, kiu konkeris Badajozon k Talaveron, helpis al la sieĝitoj de Toledo k poste intencis kapti Madridon.

Kelkafoje ni alvenis ĝis tre proksime al andaluziaj urboj, Kordobo k Granado, sed neniam ni atingis plenan sieĝon ĉirkaŭ ili; ĉiam ili havis forvojan komunikon kun la ekstero; kiam ni atakis ili petis k tuj ricevis la bezonatan helpon. Ili povis rezisti k eĉ facile kontraŭataki.

La ribelaj atakoj, en Andaluzio, ĉiam estis inspirataj al ekonomiaj celoj. Unue la minoj de Riotinto; due, tiuj de Peñarroya; poste, Linares k Jaen estis la celoj. La faŝismo celis la riĉaĵojn sube k sure de la tero: minojn, olivarbojn ktp. ktp.

Kelkafoje ili atingis la celon ĉar ili posedis taŭgan armilaron k armeon kun disciplino; ili povis difini la lokon, tempon, k la manieron ataki. Tial ni ne povis helpi la heroajn ministojn de Riotinto, kiuj eltenis ĝismortan reziston, k ni perdis ankaŭ, unu post alia, gravajn vilaĝojn. Sed, malgraŭ tio, la faŝistoj neniam povis alveni ĝis Linares k Jaen.

Lerte ili decidis la momenton ataki la zonojn de Puertollaño k Almaden. Tiun operacion ili komencis kiam la italoj atakis en Guadajara, kio kredigis al ili, ke ni ne povos sendi helpon al la sudo.

En Kordobo ili kunigis maŭrojn, legianojn k soldatojn. En tute, pli ol dek mil batalantoj, krom sennombraj tankoj, aeroplanoj k artileria baterio.

Per tiuj elementoj, la faŝistoj atakis laŭ direkto al Andujar; tiam estis la tagoj kiam oni batalis en Trijueque k Brihuega. Faŝistaj trupoj kaptis Villanueva del Duque k antaŭeniris al Pozoblanko, en fia rabema intenco.

Ĉiuj antifaŝistoj rigardis al Guadalajara k tamen, en la sudo okazadis gravega evento. Danĝere grava estis la momento...

Sed la defendantoj de Pozoblanko ne timis. Ili bravege rezistis, haltigis la atakon de maŭroj k legianoj, tagon post tago... En la antaŭurbo de Pozoblanko iom post ekmalaperis la impeto de la atakantaj trupoj.

Malgraŭ la bezonoj de la lukto en tiu provinco Guadalajara, la registaro ne malzorgis la sudan fronton. Baldaŭ venis helpo. Unue aperis aeropanoj, poste tankoj, artilerio k kelkaj batalionoj.

La atako estis momente haltigita. La faŝistoj ankaŭ ricevis helpon el Seviljo. Iu itala divizio, kiu pretiĝis vojaĝi al Burgo de Osma por helpi la italajn trupojn de Manzini, kiuj batalis en Guadalajaraj frontoj, ricevis ordonon iri al Pozoblanko; tiuj italoj, kune kun la maŭroj, legianoj k nova kontingento da germanoj k aliaj elementoj, komencis duan k pli fortan ofensivon kontraŭ Pozoblanko. Tri kolonoj antaŭeniris, kaptis Alcaracejos k ili jam kredis ke Pozoblanko estas tuj kaptota.

Sed la respublikaj trupoj, kun la ricevita helpo, aeroplanoj, tankoj k artilerio, kontraŭatakis energie, kiel en Arganda k Brihuega; ili balais la ĉielon k la teron, kaptis soldatojn, materialon, rekonkeris ampleksan zonon k tuj ni reprenis Villanueva k Alcaracejos. Niaj soldatoj rekaptis la minejan zonon. La Manĉujo estis savata. Italio ne plu posedus la minojn de hidrargo en Almaden, kiujn ĝi avidas por kompletigi ĝian monopolon.

Pli ol kvin cent kvadrataj kilometroj estas konkeritaj de niaj trupoj. Tiu venko estis pli senbrua, sed pli efika ol la antaŭaj.

Tuj la faŝistoj komencis novan atakon en Norda fronto. Tiun fronton ni nur povas rekte helpi per utilaj aeroplanoj; sed oni povas ĝin helpi nerekte per persistaj atakoj ĉe aliaj frontoj.

Nia venko en Pozoblanko certe ne estas izolita operacio; pli kredeble ĝi montras la komencon de daŭra ofensivo kun du celoj: helpi la defendon de aliaj frontoj k prepari laŭnecese la grundon por plenumo, en taŭga momento, de la ĉiufronta definitiva atako.

La konstanta sendado de germanaj k italaj trupoj ne estas baro por ke ni atingu baldaŭ la finan venkon, en profito por la tuta homaro.

En la mozaiko varia k bela de Hispanio, estas ja Andaluzio la regiono de la inkandeska lumo. Ombro inter blanko grimacas gaje, blindige! sur la pejzaĝo tre gracia de ebenaj paŝlejoj k disaj dometoj, por kiuj la geranio estas emblemo koketa k la kalko atributo de pureco. Nun, tiu suda parto de la hispana popolo, ankoraŭ kun cigana trajto, akrigas falĉilojn k ŝu'trigas fusilojn por defendi, jam posede, la kampojn, la hejmojn k eĉ siajn proprajn virinojn je la tradiciaj ungegoj de la feŭdaj sinjoroj, en faŝista etikedo.



KRISTO KAJ MAHOMETO

# NOVA SANKTA ALIANCO

La partopreno de la maŭroj en la milito tra Hispanio estas unu al la plej indignigaj faroj de tiu monstra ribelo de militaj altranguloj kontraŭ sia popolo.

Se oni memoras pri la klasikaj iamaj malsukcesoj de niaj generaloj en Maroko, oni ne povas forgesi, ke la ĉefa kaŭzo de la katastrofoj de la Hispana Armeo tie, en la nuna jarcento, estis la malkapablo de la armeestroj, ilia manko de politika percepto por gajni la konfidon k la simpation de la marokanoj. Male, niaj generaloj kun malmultaj esceptoj k preskaŭ la tuta oficiraro, traktis la indiĝenojn kun malrespekto al ties moroj k religio, humilige trudante al ili sian superecon de invadintoj. Se la leganto atentas, ke la maŭroj estas ege fidelaj al sia religio k tradicioj, ĝis fanatikemo, oni povos facile kompreni, ke la hispanaj trupoj lasis en Maroko nur postsignojn, praviganta] malamon de la maŭroj al la hispanaj konkerintaj militistoj.

Neniam do, povus la indiĝenoj aliĝi volonte la ribelon. Kiam estas disvastigite per blufa propagando, ke la marokanoj partoprenas la militon propravole, oni publikigas falsaĵon. Nur per trompoj, per sistema mensogado, sukcesis generalo Franko envenigi maŭrojn al nia lando. En tio, kiel en ĉio, estis uzata lerte la ruza taktiko, karakterizanta ĉiujn trajtojn de la krima ribelo.

Sed por atingi la rezulton celitan, niaj «naciistoj» bone profitis, kun sufiĉa anticipo, la servon de certaj senskrupulaj marokaj gravuloj, sin nomantaj «gvidistoj» de «naciista» movado en sia teritorio. Elpruviĝis ankoraŭfoje, ke ĉiuj naciistoj trafikas k ekspluatas, ĉe aliuloj, la sentom, kiun ili emfaze pretendas monopoligi kvankam ili kutime nur celas konservi sian privilegian pozicion.

Kun la kunlaboro profitcela de tiuj riĉaj superuloj la triboj estis zorge senarmigataj, por eviti eblajn malagrablajn okazontaĵojn. Tio ĉi estis la komenca preparo de la tuj eksplodonta ribelo.

En Maroko, ĝi eksplodis la 17. Julio. Subite, la nacia standardo estis forigata k anstataŭigata de la dukolora monarkia flago. La faŝista oficiraro ŝanĝis siajn respublikajn emblemojn. Ekaŭdiĝis laŭte la krio »Supren Hispanio!»—sarkasma esprimo en tiaj buŝoj— k tuj okazis amasa pafmortigado k enkarcerigado al la laboristoj, funkciuloj k militistoj lojalaj al la Registaro. La Eksterlanda Legio estis pretigita, antaŭ la eventuala, jam antaŭvidebla rezisto de la metropolaj soldatoj. Ankaŭ estis forte preparataj la regularaj indiĝenaj trupoj, profesie devigataj obei ordonojn de siaj kutimaj ĉefoj.

Rapide kreskadis la alfluo de fortaj kontingentoj da maŭroj, ĉerpitaj el la interno de la regiono. Kiamaniere oni varbis la unuajn indiĝenojn? Oni sciigis neniun pri la vera kialo. Al neniu oni diris, ke la temo estis almiliti en Hispanio kontraŭ la Respublika Registaro. Simple oni diris al ili, ke nova ŝtatestro bezonis bonajn marokajn laboristojn por labori en la metropolo en kampa kulturado aŭ en konstruo de ŝoseoj. Tial oni dungis ilin, kun promeso de alloga dekpeseta salajro po tago.

Estas konsiderinda tiuokaze la malalta kultura nivelo de la maŭro, lia ekstreme mizera vivo, en duonsklaveca stato. Pro tio ili facile englutis la hokon de la trompilo.

Post la organizado de la unuaj homaj ekspedoj, la vero komencis kuri de buŝo al orelo. Franko ne dungis maŭrojn por labori sed por militi kontraŭ la hispanoj. Ekaperis rezistemo ĉe la marokanoj, sed vane jam.

Trude ili estis fortrenataj el siaj kabanoj k tio, kio dekomence estis kvazaŭ libervola rekrutiĝo, fariĝis senkaŝa, perforta varbado, per kiuj la indiĝenaj gravuloj negocis, enpoŝigante monpremion po ĉiu mizerulo devige sendita al la hispana batalkampo.

La maŭroj, senpovaj, submetiĝinte al sia fatalo, ne pli kontraŭstaris la neeviteblan destinon. Ĵus alvenintaj en la havenojn de la hispana teritorio regata de Franko, la marokanoj estis senprokraste sendataj al la fajrolinio. En unua vico, kiel ŝtormtrupoj, ili faladis senĉese k iliaj kadavroj amasiĝis. Iliaj korpoj estis la parapetoj por la germanaj mitraliloj.

Oni kalkulas je minimume kvindek mil la maŭroj venintaj en nian landon. Plejparte tiu nombro estas ekstermita. Al ili oni promesis teron k jam ili putras sub ĝi. Novaj kontingentoj estas varbitaj k ankoraŭ varbataj, el ĉiu ekstrema parto de la Protektorato, eĉ de la franca zono, kie ankaŭ ekzistas «patriotaj» negocistoj, kiuj enkasigas monon pro ĉiu varbita indiĝeno.

Efervesko komencis regi ĉe tiuj «volontuloj». Per raportoj k proklamoj elsenditaj de niaj aeroplanoj, oni lernis la krudan veron en Maroko dum la maŭroj en Hispanio sciiĝis pri la realo proprasperte. Multaj marokanoj dizertis. Samtempe, granda nombro da ili estas kaptita de niaj soldatoj. Kaptitoj konfesas, ke plurfoje inter ili okazas fusilmortigo al maŭroj, rifuzintaj batali. Per teroraj procedoj, oni fiksas ilin en la tranĉeojn.

Intertempe, ne plu restas trompitaj maŭroj. Ili estas tute disrevigitaj k bedaŭras sian malfeliĉon. En tiu fremda lukto, nenia intereso ligas ilin k ĉiu scias tion, kio atendas lin en Hispanio. Sed la maŭroj ne havas eĉ etan ŝancon por provi ribelon kontraŭ siaj perfidaj mastroj, kies tiranion ili malŝatas k suferas.

Malavare pendigis la faŝistoj, religiaĵojn ĉe la kolo de la mahometanoj, ĉiamaj kontraŭuloj de l' katolikismo. Niaj piaj episkopoj tute senĝene benadis la maŭrojn, je la gloro de Dio, k la marokanoj akceptis tiujn flataĵojn, kiel pruvojn pri altestimo de tiuj, kiuj laŭlonge de jarcentoj estis iliaj rasaj malamikoj. Sed la maŭroj estas fanatike kredemaj al sia Profeto; finfine ili ekvidas, ke ili agis malfidele al sia religio, kio signifas eternan postmortan kondamnon. Krome, ili komencas malkovri, ke malantaŭ la malamataj generaloj, staras la fantomoj, celantaj pludaŭrigi ilian malscion k ilian mizeran vivon: la Katolika Eklezio, maltolerema k sin trudanta, kun la faŝismo, kiu kontinuos la ekspluatadon de la *fellah*-oj, profite al *serif*-o aŭ al *kaid*-o.

Neeble estas do, kredigi al la mondo, ke la maŭroj aliĝis la faŝistan armeon propravole k entuziasme, eĉ se Franko promesis al ili nacian sendependecon, kio fakte ne estas vera. Aliflanke, la maŭroj ja havas sperton pri la valoro de parolo de perfiduloj, makulintaj sian honoron. Se la faŝista banditaro provas silentigi la protestojn k plendojn de la marokanoj per promesoj tiaspecaj, helpe de la indiĝenaj ekspluatantoj k se tiu hordo da generaloj sukcesas prezenti al la mondo gratulan paradon de maŭroj en Seviljo, kiel dankan viziton de maroka popolo al sia «protektanto», ĉio estas rezulto de lertaj manovroj de marokaj gravuloj, sinvendintaj al Franko pro monprofita celo. Iu simpla maroka popolano povas esti tiel amiko de Franko, kiel kokino de vulpo.

Marcelo JOVER
Ĉefredaktoro de la urba socialista jurnalo

*(Speciale verkita por* POPOLA FRONTO)

Estimata kolegaro en la grava kaj tre solena Internacia Konferenco tuj okazonta en Parizo:

## Jen fakto pri jam konkreta apliko de Esperanto en la moderna vivo!

# NOBLA KAJ SINCERA ALVOKO

La 14. Aprilo, la ĝenerala Komisaro k Ministro por eksteraj aferoj, Julio Alvarez del Vayo, prononcis radie, por la ribela zono, jenan emocian alvokon:

Hispanoj de ribela zono!

Al tiu, kiu ankoraŭ sentas emocion pro Hispanio; al tiuj, kiuj ne degeneris ĝis indiferento antaŭ la fakto ke la perfido metas ilin je la servo de fremdaj potencoj; al tiuj, kiuj aŭskultis en Guadalajara, momenton antaŭ la venko, hispanajn voĉojn, plenajn de kuraĝo k impeto, proklamante la juston de nia afero kontraŭ kiu nepre devus fiaski la helpo de invadaj divizioj; al tiuj, kiuj iam povis kredi ke ili luktas por pli granda Hispanio, sed kiuj nun ne povas ignori ke ili nur estas iloj en manoj de grupo da perfidantoj al propra lando, en manoj de la veraj germanaj k italaj mastroj; al vi, kiujn ni vokas en nuna lasta horo pri savo, kiel hispanoj, ni sendas jenajn vortojn:

Senutile estas ke la mensogo k la teroro intencu plidaŭrigi vian blindecon. Ni scias, pere de forkurintoj, kiuj, ĉiutage k tra ĉiuj frontoj, venas en nian kampon, kiel statas via vivo en tiu malamika sektoro k ĝis kia grado la senmoraligo k senkuraĝigo subfosas la ribelan zonon.

Tio estas facile komprenebla; oni promesis al vi la eniron en la ĉefurbo dum novembra monato; tamen Novembro pasis, denove tio estis promesita kiel donaco por Novjaro. Ankaŭ fiaskis tiu promeso, k procesio de novaj promesoj, difinitaj al proksimaj religiaj festotagoj, ankaŭ mirige pasis sen realiĝo.

Tutsame pasus ĉiuj tagoj k noktoj de la jaro, se la kreskanta lukta kapableco de la popola armeo, ne antaŭe forstrekus, kiel ĝi faros baldaŭ, la plej kruelan mokon, kiun iam oni faris pri la kredemo de hispanoj.

Ne nur oni komplikis vin en la plej terura krimo kontraŭ la tero kie vi naskiĝis: oni vin ofendas supozante ke vi estas tiom kredemaj, ke vi ne perceptas la proksiman malvenkon de l' ribeluloj, kies horo jam senindulge sonas.

Per kiaj promesoj oni intencas ankoraŭ trompi vin? ĉu la preno de Madrido? Per la germana gazetaro, kies eniro en Italio jam maltrankviligas la romajn aŭtoritatojn, la itala popolo sciiĝas pri la nemezurebla malvenko en Guadalajara k pri tio ke estas komanda eraro de la ribeluloj, celi kapton de urbo kiu fariĝis nealirebla.

Ĉu la konkero de Almaden, kio pro ekonomia graveco havus senduban k gravan internacian efekton? La suda respublika armeo, forĝita per luktado k venko, tiel glora kiel la centra, lasis malantaŭ ĝi Almaden k rompas, tagon post tago, la malamikajn liniojn, kiuj ne povas haltigi ĝian nedetrueblan antaŭenmarŝon.

Kaj ĉar en la centro k sudo ili ne havas videblan perspektivon, nun ili vin intencas kuraĝigi per promeso pri baldaŭa eniro en Bilbao. Ĉu estas difinita la dato? La sperto konsilas esti pli respekteme, rilate al la tempo, ol ĝis nun.

Nia absoluta decido pri venko estas kaŭzo ke ĉiu malamika atako okazigas plifortigon de nia batalema spirito, k same kiel la atakoj kontraŭ Madrido kreis la armeon de la Centro, kies milita kapablo nuntempe estas bone taksata en Eŭropo—mi povus citi dekduojn da laŭdaj opinioj de militaj redaktoroj el fremda gazetaro, k ĉefe el gazetoj kiuj ne simpatias al ni—k samkiel la malamika klopodo konkeri Pozoblankon k antaŭeniri al Almaden devigis la rapidan kreon de la Armeo de la Sudo, el ribela ofensivo en Baskio elŝprucos la potenca Armeo de la Nordo, kun la heroeco k nefendebla batalspirito de la baska popolo.

Aŭ, ĉu oni anoncas alvenon de plia dekduo da fremdaj divizioj? Post la ĝisnunaj perfidoj al akordo pri ne interveno, la etendiĝanta vekiĝo de internacia konscienco k la oficialaj deklaroj de Parizo k Londono, ne konsistigas la plej favoran medion kie la ribelestroj povu multipliki la dimensiojn de ilia perfido.

La horizonto fermiĝas antaŭ vi; nur estas unu elireblo por via digna savado. Veni amase al niaj vicoj. La respublika Registaro, havanta pardonemon, kiu akompanas la nepran venkon, malfermis la brakojn al vi pere de lasta dekreto de ĝia Ministraro. Ĉiu transkurinto, kiu volonte venos en nian kampon, konservos sian aktualan kategorion. Se li estas oficiro, kiel oficiro. Se li estas soldato, li havos perspektivon pri pligradigo en Armeo, kies estroj plejparte eliris el la popolo k el la soldataj vicoj.

Revenu al nia Hispanio. Se vi estus hodiaŭ ĉi tie, vi vidus ke ni festis, la 14. Aprilo, la datrevenon de la Respubliko, laborante propravole dum la tuta tago je la servo de nia potenca militindustrio k donante la hodiaŭan tagsalajron al militaj hospitaloj. Revenu al via Hispanio, al Hispanio kie la kamparano, post jarcentoj, estas jam libera homo; kie la laboristoj jam identiĝas kun la granda tasko pri socia evoluo; kie regionoj, partioj k sindikatoj, ĉiufoje pli unuiĝintaj laboras sub sama flago.

Venu al ĝi! Hispanio atendas vin!


LA "NACIISTA" ARMEO

## LA LIBERECO DE HISPANIO

Generalo Mangada mem, tre ĝentile, rakontas al ni la anekdoton, kiun ni ĉi-sube aperigas:

Antaŭ kelkaj tagoj, en la fronto de Guadalajara, sin prezentis al niaj taĉmentoj juna viro, kun aspekto eleganta, klera, kiu sin turnis unue al milicanoj de l' avangardo k poste al kapitano, dirante:

«—Mia nomo estas Roberto Uses, mi estas el Navarra, k mi apartenas al «Requeté» (*). Sed mi min sentas hispano; kiel tia, mi hontas nun pro tio, kion faras tiuj, kiuj sin alnomas «naciistoj» oferdonante Hispanion al avideco fremda, pro kio mi ne povas resti plu ĉe ili; mi ne venas por esprimi flate mian simpation al via idealo, kiun mi ne akceptas; mi venas nur, kiel hispano, por batali kune kun vi por la forpelado de la invadintoj el nia komuna lando. Se vi opinias, ke katoliko, eĉ reakciulo, neniam forlasonte sian kredon, sian idealon, povas ami Hispanion same, kiel vi ĝin amas, k same, kiel vi, batali por defendi ĝian honoron, akceptu min por batali kune kun vi ĉe la plej danĝera loko. Se vi opinias, ke tiuj, kiuj opinias k kredas politike malsame ol vi, ne povas esti hispanoj, tiam mortpafu min. Decidu do, ĉar neniam mi reiros en la kampon, el kie mi ĵus venas.

(*) Elp. «Reketé», reakcia militista organizo hispana, kun celo pri feŭda monarkio.

## POPOLA FRONTO ESPERANTISTA

Nur ĉirkaŭ fortika akso el popolo, povos disvolviĝi efike la moralaj kvalitoj k la praktikaj celoj de potenca esperantismo.

Nia gazeto, rekte laborante en tiu direkto, estas jam ŝtono por ĉefa kolono.

Ampleksigu do la rondon de nia legantaro per fordono, al viaj korespondantoj, de iu ekzemplero post koncerna legado! Jen utila servo por la triumfo de la libero k por la impona prospero de Esperanto...

## LA FAŜISTA AERA ARMEO EN HISPANIO ESTAS GVIDATA DE KOMANDANTO VON RICHTOFFEN, KIU LOĜAS EN SEVILJO.

# MOZAIKO

● Fanfarone anoncis la faŝistoj, ke la haveno Bilbao estas blokita, kiel iam ili anoncis pri haveno Barcelono. Ili blufis laŭ kutimo, k eĉ atingis ke la konservativa registaro de Anglio preskaŭ agnoskis plaĉe la neekzistantan blokadon.

Malgraŭ tiu suspektinda sinteno de angla registaro, ĉiutage alvenas senĝene ŝipoj en haveno Bilbao.

● Ni funebras pro la morto de juna heroo, kapitano Felipe del Río, aviadisto ĵus mortinta en Bilbao pro vundo ricevita dum aera batalo.

Li estis leŭtenanto, kiu dum kelkaj tagoj faligis ses faŝistajn aeroplanojn k gajnis gradon de kapitano.

● La 9. Aprilo, la faŝista radiostacio de Burgos anoncis, ke ili estas pretaj diskuti interkonsenton kun la respublika registaro, sub kondiĉo ke nia registaro ne estu prezidata de marksisto Largo Caballero.

Kompreneble ili forgesas, ke kiam ili ekribelis, nia registaro nur konsistis el respublikanoj, k tamen ili ribelis...

● Pariza gazeto informas pri la morto en Hispanio de la fama germana aviadisto Gerhard Fieseler, tutmonde konata ĉar li posedis plurajn rekordojn.

Li mortis kiel multaj «volontuloj» senditaj de hitlera registaro al senduba morto en nia lando.

● Laŭ oficialaj statistikoj, en Germanio ekzistis, la 1. Aprilo 1.250.000 da senlaboruloj. Jen unu el la eblaj motivoj de la germana «ne-interveno» en nia milito.

● Oni sciigas el Londono, ke estas plene konfirmita la fakto ke la itala submareno, kiu torpedis en haveno Cartagena la respublikan militŝipon «Cervantes» estis komandata de Alberto Malaguzzi Valeri, de Bolonio.

Tiu komandanto estis premiita per la «Medalo al Kuraĝo», kiun oni donis al li «pro la venka operacio en fremda maro».

● Transkurintoj de la norda fronto rakontis ke en Vitoria, la faŝistoj bruligis en la strato Dato de tiu urbo, sur la pavimo, la librojn de la bibliotekoj de la urbo. Tiu «kultura» heroaĵo, same kiel la tieaj murdadoj estas direktitaj de generalo Gil Yuste.

● Noel Monks, speciala sendito de gazeto «Daily Express» en la faŝista zono, estis forpelita k revenis al sia lando.

Li informas, ke la anglaj ĵurnalistoj estas konsiderataj kiel «tolerataj spionoj». Li estis, tamen, arestita k forpelita sen pasporto.

● Hispana Registaro, oficiale informis al angla Foreing Office ke en haveno Kadiz alvenis la 23. k 24. Marto, ses mil italaj «volontuloj».

Angla registaro malfermis tuj enketon...

● En kadavro de fremda kapitano, kiun oni ne povis identigi estis trovita interesa dokumento, fabrikita en Germanio, en kiu estas difinitaj la vojoj, kiujn devas sekvi la venkantaj faŝistaj trupoj.

Per diverskoloraj linioj estas montrata perfekta distribuo. Tiuj trupoj devas kuniĝi fine en Nord-orienta Hispanio, trapasi Pirinean montaron k antaŭeniri ĝis Montpellier, en Francio, k el tie al franca marbordo.

Tiu grava dokumento estas sendita al nia prezidanto Largo Caballero por ke li taŭge utiligu ĝin en diplomata sfero.

● La faŝistoj fusilmortigis en Malago la faman kuraciston d-ro. Galvez.

Li estis urbestro de Malaga dum la diktatoreco de Primo de Rivera. Poste li sin dediĉis nur al gvidado de Hospitalo. Post la ribelo, la «ruĝuloj» respektis lin.

La faŝistoj murdis lin «ĉar li servis la ruĝulojn, kuracinte la viktimojn de bombardadoj...»

Ni eĉ ne povas komenti...

● Ĉiutage alvenas en nian zonon multaj forkurintoj el faŝista paradizo, sed dum lastaj tagoj la afero kreskis kontentige.

Apud Huesca, la 15. Aprilo venis al ni 120 soldatoj kun kelkaj kaporaloj k serĝentoj.

La 22. Aprilo, en andaluzia fronto venis al nia kampo kompleta roto apartenanta al grava ribela regimento. Kun tiu unuo ankaŭ venis 32 soldatoj apartenantaj al diversaj aliaj regimentoj. Instinkto ne eraras!

● La angla konservativa deputito Mr. Winston Churchill publike parolis pri paciga projekto rilate al nia lukto, projekto kiun li dividas en tri dujaraj periodoj.

Estas signifoplena la fakto ke tiu propono aperas kiam tute malaperis la eblo pri faŝista venko. Franko ne povas jam triumfi se li ne ricevas gravegan eksterlandan helpon. Nia popola armeo prenis jam la iniciativon, niaj trupoj kuraĝe atakas k konsekvence, konservativuloj parolas pri batalhaltigo, pri paco.

● Dro. Johnson, ĉefpastro de Canterbury, kiu ĵus vizitis nian landon, deklaris: «La nova sociordo, por kiu luktas la respublikanoj akordiĝas kun la espero pri granda k frata socio. Tio estas religio. Same kiel en Sovetio, en Hispanio ekzistas religio; estas religio inspirita en kristanismo. Tute malvera estas la aserto diranta ke tiuj popoloj estas senreligiaj. Eĉ se kelkaj neas la ekziston de Dio, tio ne gravas. Kio gravas estas tio, kion la hispanoj de lojala Hispanio volas tutkore diri.

● Laŭ fidindaj informoj, antaŭ kelkaj tagoj eliris el Hannover (Germanio) tridek ses aeroplanoj en vojaĝo al Hispanio.

Ili estas kondukataj de civilaj aviadistoj de la *Luft Hansa* k superflugas Francion dum la nokto je granda alteco.

● Alia faŝista radiostacio, anoncis plian ofensivon kontraŭ Madrido kun novaj maŭraj trupoj tuj alvenontaj.

Samtempe ni legis en franca gazetaro, ke en hispana Maroko aperis nigraj trupoj. Temas pri abisenaj trupoj el regiono Somalia; ili jam luktis en Ogaden k Harrar kontraŭ la soldatoj de l' Neguso.

# NOBLA FIERO!

Ĉiuo tre konscia de persono, kiu rigardas la taŭgan efikon de afero vivanta nur dank' al lia propra klopodado, certe estas ja por vi la daŭra sukcesa plugado de POPOLA FRONTO, ĉu ne?

Tial do, ju pli kosta nia entrepreno des pli obstina via helpo!

ĜENERALA INTERNACIA ADRESO
nur por mono
GUSTAVE FARENC
55, Rue Brise-Pain
Poŝtĉekkonto 13944 Orleans
ORLEANS (Loiret) FRANCIO

NEDERLANDA ADRESO
nur por mono de holandanoj
PETRO van der PLANK
Van Speijkstraat, 48-I
poŝtĝiro 245542
AMSTERDAM W. Nederlando

ANGLIO.—K-do O. MELTON.—25 Fowler Str. Nechells, BIRMINGHAM 7
BELGIO.—K-do M. DELFORGE.—55, Rue de Heigne, CHARLEROI

REDAKCIA ADRESO POR ĈIO ALIA
POPOLA FRONTO—Mar, 25, Valencia (Hispanio)

# LA SAMA VERO KUN ALIA TONO

La semajna revuo «Obrana Prace» organo de la katolikaj sindikatoj de Ĉeĥoslovakio, jene raportas pri nia lukto:

«Ni jam kutimiĝis rigardi la hispanan konflikton sub influo de naciistaj devizoj (por kiuj luktas maŭroj, italoj, germanoj k aliaj) k de religiaj katolikaj devizoj (por kiuj luktas mahometanoj, germanaj novpaganoj, ktp.); k ni forgesas la politikan aspekton de la afero.

Hispanio, membro de Ligo de Nacioj, gvidata de bona k forta registaro povas ludi gravan rolon en la eŭropa celado al kolektiva sekureco. Nuntempe neniu fidas al Germanio; eĉ ne Anglio. Germanio estas k estos centro de maltrankvileco k bazo de militeblo. Germanio serĉas aliancanojn. Unu estas Italio, sed ĝi celas ke Hungario k Hispanio adoptu faŝistan reĝimon. La miloj da «volontuloj», la milita materialo k la simpatio al Franko, bone elmontras tion.

Se Franko venkus, faŝista Hispanio estus rekta danĝero por Francio, kiu sin fortikigis kontraŭ Germanio; tiam ĝi sin devus fortikigi ankaŭ kontraŭ Hispanio. Francio estas nia plej lojala k potenca milita aliancano. Kio ĝin malfortigas, nin ekfrapas. La malvenko de Francio en milito, kies proksimeco estas eventuala, signifus la malvenkon de demokratiaj idealoj k nian propran malvenkon, ĉar ni vivas por la paco k la demokratio.

La venko de Franko ne garantius la religian liberon de hispana popolo sed novajn perturbojn en Eŭropo k helpus al plifortigo de fronto faŝista k antidemokrata. Precize tial, la venko de Franko estus por ni gravega danĝero.» Tiel klara estas la afero malgraŭ artefaritaj ombroj.

## NIA MUNICIO

| | | |
|---|---|---|
| Valencia esperantistaro | 50 | ptoj. |
| J. A.—Carcagente | 5 | » |
| A. D.—Banicasim | 48 | » |
| P. S.—Orihuela | 5 | » |
| M. Ch. - París. | 10 | ffr. |
| J. D. - Svissons | 10 | » |
| X. —Plzen | 37 | » |
| R. O. - Milivankee | 21 | » |
| H. M. - Sindi | 30 | » |
| Pariza Verda Stel'ano. | 10 | » |
| P. A.—Amotfors. | 6 | » |
| J. P.—Ĉeske Budejovice | 37 | » |
| R. J.—Aabyhoj | 20 | » |
| A. K. Elbogen | 20 | » |
| F. L. E. - Bruselo | 40 | » |
| P. J.—Paris. | 20 | » |
| A. K.—Oldrichov v Hajich. | 10 | ĉkr. |
| Sportorganizo. Buschullersdorf | 10 | » |
| Bretona esp. Grupo (F. E. T.) | 135 | ffr. |
| E. J. - Praha-Dejvice | 30 | ĉkr. |
| G. N.—Stockholm | 5 | svkr. |
| D. J.—Oldham. | 6 | p. |
| V. J. L.—Wellington. | 10 | ŝil. |
| V. M —Liege | 10 | ffr. |
| M. B - Orleans | 5 | » |
| J. B —Loperec. | 50 | » |
| A. H.—Nantes Chautenau. | 10 | » |
| C. P.—Vaulx en Velin. | 10 | » |
| Lab. Esp. Klubo.—Malmo. | 15 | svkr. |
| J. M. A.—Londono | 2'6 | ŝil. |
| P. W. W.—Bp. Anckland. | 3 | » |
| V. B.—Falun | 20 | fmk. |
| B.—Annecy. | 50 | ffr. |
| Leŭtenanto B.—Las Rozas-fronto. | 100 | ptoj. |
| Haga gek-daro. | 50 | gd. |
| E. B. Fyrunga. | 5 | svkr. |
| B. B.—Macon. | 10 | ffr. |
| C. P.—Madrid | 2'50 | ptoj. |
| J. S. - El Pardo-fronto. | 4'60 | » |

Erare aperis en iu pasinta numero: J. P.—Den Helder kio devas esti: J. P. Breezand. La k-doj. bv. pardoni ĉiam eventualajn erarojn, tial ke ni estas devigataj prilabori ĉion treege rapide dum ĉi tiuj malfacilaj momentoj.

LA ADMINISTRANTO

## INFORMEJO

### ONI SCIVOLAS PRI

K-do. Georg. Hansladen, germana ne-esperantisto, 18 jaraĝa, foririnta el Ĝenevo la 13. Januaro, laŭdire por aliĝi la Internacian Brigadon. Supozeble li troviĝas en Albacete.

K-do. Francisco Gimenez, Curtidores 19, Barcelona, pri kiu petas sciigojn sveda k-do. el Gyttorp.

K-do. Jose Lopez. A. Puigterra 1, Manresa, pri kiu interesiĝas soveta k-do. Eble li batalas nun ĉe iu fronto.

## AL NEDERLANDAJ AMIKOJ

Ni kredas, ke ĉiuj legantoj de nia bulteno en Nederlando deziras ebligi la fruan aperon de la gazeta reeldono en nacia lingvo. Konsciu pri la grava signifo de tiu projekto! Skribu hodiaŭ mem pri via eventuala helpo al adreso:

H. J. NIEUWENHUIZEN
Laakhof. 37. — HAGO

## LASTA HORO

La ĝenerala bona situacio en la frontoj perdas ekvilibron pro la fortega faŝista ofensivo kontraŭ Baskio, kie la malamiko sukcesis per italaj regimentoj k monstra detruemo kapti kelkajn poziciojn. La baska popolo pretiĝas defendi ĝis morto sian ĉefurbon Bilbao. Nun la kuraĝo havas kulminon en furiozaj k historiaj bataloj. Grava horo sonoras en nobla lukto!

## POPOLFRONTA LETERUJO

Dala Demokraten.—Falun. — Ni akurate ricevis ekzempleron de la ĵurnalo k leteron de k-do. Elfstrom. Al li k al la redakciestro ni elkore dankas.

J. L. Poouy. — Kun ĝojo k ĉagreno ni legis ĉiun parton de via interesplena letero. Ni ĉiam konstatas vian helpon.

F. H.—Albacete. Kara kamarado, estu komprenema! Bedaŭrinde ni malhavas tempon por komplezi vin. Ni povas resendi al vi la gazeteltranĉaĵojn se vi deziras tion.

A. B.—Collado Villalba.—Kelkaj numeroj tute ĉerpiĝis. La ceterajn ni sendas al vi.

J. W.—Strasbourg-Neudorf. — Danke ni ricevis vian monon per kdo. Farenc.

I. K. V.—Pazarĝik.—Sincere ni dankas k kvitancas ricevon de kelkaj diverslingvaj lernolibroj. Ni utiligas tuj ilin.

J. F. — Ĥarkov.—Vian raporton pri la taskoj de Palaco de Pioniroj ni havigas al lernejo kun esperanto-sekcio. Ni esperas ke vi ricevos decan respondon.

G. J.—Cholet.—Tutkore ni bedaŭras, ke via deziro akcepti hispanan orfon ne ankoraŭ plenumiĝis. Niaflanke ni ne povas vin helpi. Multaj amikoj, kun sama deziro, ne sukcesis. Laŭ niaj informoj la registaro aranĝas tiun aferon kun speciala zorgemo. Eble tio okazigas malfacilaĵojn al privataj iniciativoj. Cetere ni vin dankas k, se aperas eblo, ni revenos al la temo.

A. K.—Buschullersdorf.—Ni dankas vian saluton k vian monsendon. Rilate al abonprezo, ankoraŭ ĝi estas laŭvola.

J. E. P.—Cartagena.—Ni ĝojas pri via liberigo. Bedaŭrinde ni neniel povas vin helpi. Ne forgesu ke ni estas nur laboristoj seninfluaj.

H. R. - Molsolm. - Ni sendas la gazeton al vi. La abonprezo estas tute laŭvola.

Jak.—Shanghai.—Elkore ni dankas vian sendon. Se eblas sendu dek samajn seriojn. Sciigu al ni la koston por sendi ĝin al vi. Antaŭdankon!

V. F.—Smolensk.—Ni sendis vian adreson al SEU por ke vi ricevu la gazeton. Se estas eble ni transdonos vian adreson laŭ via peto.

J. S. L.—Ter Neuzen.—Ni notas vian klarigon. La stenografaj lernolibretoj alvenis bonorde. Dankon.

B. Z.—Saratov.—Al SEU ni transdonas vian adreson por sendo de nia gazeto. Pri korespondado, se eblas, ankaŭ ni transsendos vian adreson.

W. A. L.—Birmingham.—Ni notas vian novan adreson. K-do Cortes fartas bone k troviĝas en la fronto. Ni ege dankas viajn bondezirojn.

R. H. judo.—Lille.—Ni dankas vian monsendon k notas vian novan adreson.

W. S.—Hago.—Ĉiuj viaj deziroj estas jam plenumitaj laŭ via letero. Ni tutkore dankas viajn frazojn. La klarigo pri kamarado Worms estis respondo al via demando.

Radio Club Esperantiste de France.—Valenciaj radiodissendoj estas provizore haltigitaj.

A. B.—Annecy.—Kun ĝojo ni legis viajn kuraĝigajn vortojn. Ni dankas vian monsendon, kiun ni kvitancas en koncerna rubriko.

Presejo de J. Olmos, Alicante, 33, Valencia